# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 83**

Bulteno de KAEM

Aprilo 2014

Retadreso de KAEM

azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi)

http://www.esperantoazia.net/club/myclub/?url=kaem

(« Esperanto en Azio » troviĝas en tiu retejo)

---

## Sukcesis La Dua Sud-Azia Seminario




La historia dua Sud-Azia Seminario (SAS) okazis ekde la 24a ĝis la 28a de februaro 2014. La temo de la dua SAS estis: “Amikeco, paco kaj kunlaborado pere de Esperanto en sudaziaj landoj”. Esperanto estu

pontlingvo inter ĉiuj sudazianoj. Ni decidis okazigi la trian SAS en Srilanko post du jaroj kaj fiksi la daton kaj lokon unu jaron antaŭ la okazigo. Ni ankaŭ decidis daŭrigi la nunan komitaton por kunordigi la pluan agadon de SAS kaj formi novan komitaton post iom da tempo kun la interkonsento de sudaziaj landoj. La unuaj ĉefaj celoj estos :

(1) instrui Esperanton en Bangladeŝo kaj fortigi la Esperantan movadon en Srilanko.
(2) instrui Esperanton en ĉiuj ĉefurboj de Sud-Aziaj landoj.
(3) fari publikaĵojn pri Esperantaj kaj regionaj aferoj.
(4) kunlabori gefrate por la regiona movado.
(5) kune labori por la sinceraj agadoj por disvastigi Esperanton kaj finigi internajn konfliktojn.

Jen estas detaloj de la programo de la dua SAS:

**La 24an de februaro** komenciĝis la dua Sud-Azia Seminario en Lahoro, la historia, kultura kaj ĉefurbo de Panĝabo-provinco de Pakistano. En tiu tago okazis lingvaj kursoj kaj ni ankaŭ propagandis nian lingvon diversloke en la urbo.

**La 25an de februaro** estis registrado, komitata kunsido kaj interkona vespero.

**La 26an de februaro**, je la 10a horo, s-roj Bharat Kumar Ghimire, Adeel Butt kaj Shabbir Ahmad Sial instruis Esperanton, kaj la ĉefaj gastoj d-ro So Gilsu el Koreio kaj d-ro Saeed Ahmad Farani komune inaŭguris la programon. La vicprezidanto de Pakistana Esperanto-Asocio (PAKESA) s-ro Rahim Shah ĉantis bondezirversion de la sankta Kurano, kiu esprimis bondeziron por la programo kaj mondpaco. La partoprenantoj de la seminario entute estis ĉirkaŭ 40. Kelkaj gelernantoj el diversaj regionoj de Pakistano salutis la ĉeestantojn. Ĉiuj ĉeestantoj tre bedaŭris la mankon de barataj samideanoj. Kaj ili proponis, ke ni okazigu la trian SAS-n en Srilanko, kie pakistanaj kaj barataj samideanoj povos partopreni.

La programo komenciĝis per la nacia kanto de Pakistano kaj la internacia himno “La Espero”. Poste la prezidanto de PAKESA Shabbir Ahmad bonvenigis ĉiujn partoprenantojn. En sia bonveniga parolado li

diris, ke Esperanto sendube taŭgas kiel pontlingvo en la landoj de Suda Azio. Tiam multaj reprezentantoj de diversaj urboj kaj individuoj parolis pri nia lingvo per la urdua.

Tiu tago estis la mortdatreveno de la fondinto de PAKESA s-ro Muztar Abbasi. Laŭ s-ro Saeed Bukari, li estis tre bonkora homo, ĉiam feliĉigis kaj kontentigis siajn membrojn. Lia traduko de la sankta Kurano estis gravega kontribuo en la historio de la Esperanto-Movado.

En inaŭgurparolado d-ro So Gilsu rakontis pri siaj vojaĝoj al 65 landoj uzante Esperanton. Li kuraĝigis ĉiujn ĉeestantojn por serioze lerni la lingvon por ke ankaŭ ili povu vojaĝi tra la mondo. D-ro Saeed Farani prelegis pri Sufismo kaj Esperanto, klarigante, ke ambaŭ havas samajn principon kaj celon. Li ankaŭ rakontis pri sia libro pri Sufismo.

Ĉiuj landaj reprezentantoj salutis nome de siaj landoj kaj raportis pri sia landa agado. Ĉiuj emfazis, ke SAS estas bezonataĵo por la regiono. Reprezentanto el Nepalo s-ro Bharat Kumar Ghimire, d-ro Saeed Farani el Pakistano kaj d-ro So Gilsu prelegis pri siaj landoj.

Vespere okazis prelegoj en mezlernejoj. D-ro So Gilsu, d-ro Saeed Farani kaj s-ro Bharat Ghimire prelegis pri Esperanto kaj ĝia utiligo.

**La 27an de februaro**

Okazis interesa prelego en Universitato Panĝabo. La prelego estis organizita de dekanino de la universitato prof. Dr. Massarrat Abid. La titolo de la prelego estis angle « *In the context of natural languages* ». S-ro Bharat Kumar Ghimire prezentis la paperon anglalingve, kaj poste komentis ĝin d-ro Saeed Farani kaj d-ro So Gilsu kaj plu klarigis la utiligadon de la lingvo. Multaj ĉeestantoj starigis demandojn. Tiu ĉi prezentado tiel riĉigis la Sud-Azian Seminarion, ke homoj multe aplaŭdis ilin.

Post la prelego de la universitato komenciĝis Esperanto-kursoj, kies instruistoj estis s-roj So Gilsu kaj Bharat Ghimire. D-ro So Gilsu instruis, kiel bone uzi la lingvon. Poste li prelegis pri la internacia lingvo kaj li klarigis per ekzemplo, kia estas la karaktero de internaciaj lingvoj kaj kiajn ecojn ili devas posedi. La angla pro sia politika, kultura kaj ekonomia ligo tute ne taŭgas por esti tiaj lingvoj. Preskaŭ

ĉiuj ĵurnaloj de Pakistano publikis raporton pri tiu ĉi prelego.

Bharat Ghimire poste prelegis kaj ĉiuj partoprenantoj tre entuziasme diskutis la temon, nome Esperanto-movadon en Sud-Azio. Ĉiuj opiniis, ke Esperanto devas atingi ĉiujn landojn en la regiono kaj ili havu funkciantan asocion. Nur tiam SAS vere sukcesos.

S-ro Bharat Ghimire poste instruis kantojn kaj daŭrigis la paroligan kurson. En tiu tago forpasis bo-fratino de Sabbir kaj tio malĝojigis nin kaj li devis esti okupita tie. Ĉiuj ĉeestantoj ricevis atestojn post la kurso.

**La 28an de februaro**

Ekskurso: Ni veturis al Harappa, unu el la diversaj lokoj kun restaĵoj de plej malnova civilizacio ĉe la rivero Sindu. Laŭdire ĉiuj Arjoj eniris Baraton kaj Nepalon tra tiu valo.

Nur en la ferma ceremonio, ni povis bonvenigi reprezentanton el Srilanko s-ro Zeiter Perera. Li salutis la ĉeestantojn kaj asertis sian volon okazigi la trian SAS-n en sia lando. Li ankaŭ montris la Esperantan-Sinhalan vortaron, kiun li kompilis. Li opiniis, ke li jam ekde longe revis okazigi la Sud-Azian Seminarion en sia lando.

La Seminario finiĝis per aro da proponoj farita de sekretario de SAS, s-ro Bharat Kumar Ghimire. Jenaj decidoj estis aprobitaj:

1. Aktivigi asociojn en ĉiuj sudaziaj landoj.
2. Instrui Esperanton en ĉefaj lokoj, kie ne estas esperantistoj.
3. Refondi komitaton de sudaziaj landoj.
4. Establi konton por Sudazio ĉe UEA.
5. Aperigi gazeton nomitan « Sudazio » almenaŭ tri foje en la jaro.
6. Reformi komitaton, kies elektitoj devos ricevi aprobon de siaj propraj organizoj kiel eble plej baldaŭ. Jen estas la nunaj komitatanoj.

Sekretario: Bharat Ghimire de Nepalo

Asistaj sekretarioj: Kotha Naga Siva Kumar de Barato,
Adeel Butt de Pakistano.

Konsilantoj: S.S. Pal de Barato, Hori Jasuo de Japanio,
Renato Corsetti de Italio.

Bharat Ghimire nespa.1990@gmail.com

# Israelo

## La 15-a Israela Esperanto-Kongreso

Dum la semajnfino de la 24-26 de aprilo 2014 okazis meze de la dezerto en la beduen-stila gastejo "Kfar Hanokdim" (hebree: vilaĝo de la paŝtistoj) apud Masada kaj la Morta Maro, la 15-a Israela Kongreso de Esperanto. Partoprenis 27 personoj, kiuj ĝuis varian programon kaj intiman, nekutiman etoson. Dum la unua tago (ĵaŭde) matene kelkaj memstare ekskursis en la apuda urbo Arad kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. En la posttagmezo okazis la malfermo, lingvaj ludoj kaj enigmoj, kaj post la vespermanĝo oni veturis al la apuda monto de Masado por spekti noktan lum- kaj son-spektaklon pri la rakonto de la lasta bastiono de la juda granda ribelo kontraŭ la romianoj, kaj pri ĝia arkeologia malkovro 1900 jarojn poste. Vendrede okazis duontaga vizito de Masado kaj posttagmeze kvar prelegoj - pri Movado ("Novelanismo" de Gian Piero), turismo (Barcelono de Nava kaj Islando de Amri Wandel) kaj pri la eŭritmia dancarto (Tali Wandel).

En la vespero Gian Piero faris humuran prezentaĵon, la Eŭritmia Ensemblo de Jerusalemo prezentis profesian danc-spektaklon, konsistanta el kelkaj pecoj de ilia nova programo "Moseo en la spegulo de la nuntempo", kiu estos prezentata plurloke en Israelo kaj dum somera turneo en Eŭropo, kaj aldone tri pecoj en Esperanto. Sekve Enrica kantis originalajn kantojn en Esperanto. Fine oni spektis la novan filmon pri Esperanto produktita de SAT.

En la lasta tago okazis du ekskursoj: matene migrado al la apuda naŭra baseno "Cfira" kaj tagmeze vizito al la arkeologia parko Arad kun elfosaĵoj de antaŭ 3-5 mil jaroj kaj trovaĵoj de la biblia epoko. La tradicia resuma diskuto okazis post bongusta tagmanĝo en la populara restoracio "Muza" en Arad. Specialan etoson kaj karakteron aldonis al la Kongreso la dezertaj gastejo kaj ĉirkaŭaĵo, kaj la eŭritmia trupo, kiu ankaŭ partoprenis parton de la programo. Antaŭ la Kongreso okazis ses-taga antaŭkongresa ekskurso al la Morta Maro, Eilat kaj Jordanio, kiun partoprenis kvin personoj (el ili du eksterlandaj gastoj, ges-roj Breuninger el Munkeno). Organizis kaj ĉiĉeronis la Kongreson kaj la

Antaŭkongreson Amri Wandel, kun la helpo de Nava Bilicki-Cinori (transportado), Gian Piero Savio (teknikaĵoj) kaj Jael Ŝelaĥ (grafiko).
Fotoj de la Kongreso videblas en la reta albumo
https://picasaweb.google.com/105030054444214202226/IsrEspKong2014 kaj de la Antaŭkongreso en du albumoj:
https://picasaweb.google.com/105030054444214202226/Petra79414
https://picasaweb.google.com/105030054444214202226/MortaMaro46414
Retpaĝo de la Israela Kongreso: http://www.esperanto.org.il/ik.html

Amri Wandel amri@huji.ac.il




## La unua licenco de ekskurs-gvidanto en Esperanto

Post du-jara kurso, ekzamenoj kaj speciala peto al la Ministerio pri lingva escepto venis la atendata rezulto.

La 26an de marto okazis en la israela Ministerio de Turismo ceremonieto por marki la disdonon de la unua licenco de ekskurs-gvidanto (ĉiĉerono) en Esperanto (aldona bildo, notu, ke Esperanto aperas kiel la unua lingvo).

Tion ebligis pli frua decido de la departemento pri ĉiĉeronoj, aldoni Esperanton kiel unu el la lingvoj rekonataj de la Ministerio. Por pravigi tiun peton mi prezentis datumojn pri Esperanto-turismo al Israelo en antaŭaj jaroj: ĉirkaŭ mil por la UK en 2000, ĉirkaŭ 200 pasintjare (Azia Kongreso kaj IJK) kaj pluraj ĉiujare okaze de la Israelaj Kongresoj kaj private.

Partoprenis en la evento la vicdirektorino Ahuva Zaken, kiu siatempe helpis nin kun la vizoj por la IJK. Ŝi promesis ankaŭ estonte kunlabori por faciligo de akiro de israelaj vizoj por esperantistoj el viz-bezonantaj landoj kaj por produktado de turisma materialo en Esperanto.

Amri Wandel <amri@huji.ac.il>

# Irano

## La Unua Irana Esperanto-Kongreso Okazis en Tehrano

(Raporto de s-ro Ahmadreza Mamduhi)




La Unua Irana Esperanto-Kongreso (IREK1) okazis en Tehrano de la 24a de marto 2014 ĝis la 26a de marto kun pli ol 100 partoprenantoj el 6 landoj de la mondo (Aŭstralio, Francio, Japanio, Koreio, Pollando kaj Irano) kaj 7 provincoj de Irano (Kermanŝaho, Ĥorasano, Mazandarano, Esfahano, Kurdestano, Hormozgano kaj Tehrano).

**Dum la unua tago de la Kongreso**, kiun organizis kaj okazigis Irana Esperanto-Asocio (IREA) kun helpo de profesia helpo de Jasna Instituto, post inaŭguraj programeroj - tre similaj al tiuj de la UKoj - ekzemle kiel kunkantado de "La Espero", kaj salutado de reprezentantoj de alilandaj kaj aliprovincaj esperantistoj/asocioj, i.a. d-ro So Gilsu, veterana korea samideano kaj eksestrarano de UEA; s-ro Lee Jungkee, estrarano de UEA kaj la eksprezidanto de KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado), legis la mesaĝon de d-ro Mark Fettes, la

prezidanto de UEA, al IREK1 en kiu li diris:

"En viaj manoj kuŝas la sorto kaj signifo de la unua Esperanto-kongreso en Irano, lando kun longa kaj glora historio, kiu ludas gravegan rolon en la disvolviĝo de la vasta regiono inter Eŭropo, Azio kaj Afriko. Temas pri regiono, kiun ankoraŭ minacas diversaj konfliktoj kaj militoj, kaj kie do urĝe necesas disvastigi tiun pacan spiriton, kiun portas la Esperanto-movado jam de sia naskiĝo."

Anoncado de la programeroj kaj prezentado de la prelegantoj estis far f-ino Bahar Sejf (en la persa) kaj inĝ. Ahmadreza Mamduhi (en Esperanto), kiuj provis ĝiseble informi la ĉeestantaron kaj perse kaj Esperante. La estraranoj de IREA, d-ro Keyhan Sayadpour, inĝ. Hamzeh Shafiee, f-ino Simin Emrani kaj inĝ. Ahmadreza Mamduhi raportis pri stato kaj diversaj aktivadoj de la Asocio, kiu aliĝis al UEA jam antaŭ multaj jaroj.

La artaj programeroj de la inaŭgura tago inkludis 5 komediajn teatraĵetojn pri diversaj aspektoj/servoj de Esperanto (kiel ĝia facileco kaj Pasporta Servo) kaj ludadon/kantadon de iranaj tradiciaj muzikaĵoj/kantoj, plenumitajn de *Vahe*-grupo (*Vahe* en la persa signifas oazon), kies direktorino estas f-ino Niku Mamduhi, denaska esperantisto kaj teatr-reĝisoro. *Vahe*-aj geaktoroj dum ambaŭ unuaj tagoj de la Kongreso estis f-ino Mahdoĥt Moŭlai, s-ro Mehdi Saffari kaj s-ro Amir-Nima Elahi. La teknika direktoro de la grupo estis s-ro Kjumars Haeri.

Unuajn iranajn tradiciajn muzikojn ludis f-ino Horŝid Dadbeh kaj s-ro Sepand Dadbeh. La postajn ludis dafistoj s-roj Amir-Hosejn Dehgani kaj Amir-Hosejn Adibi (dafo estas irana tradicia muzikilo kiu en la irana mistikismo havas tre specialan lokon kaj valoron). La ĉeestantaro forte aplaŭdis ĉiujn artistojn per siaj longaj manfrapadoj.

Poste okazis la interkona vespero dum kiu i.a. s-ro Gay Perrin (elp. Gi Peran) el Francio montris lumbildojn pri la francaj urboj en kiuj okazis la unua UK en 1905 kaj okazos la posta UK en 2015.

Fine de la unua tago de la Kongreso, s-ino Tahira Masako el Japanio plenumis viglan aŭkcion de esperantaĵoj kaj donacis la tutan enspezon al IREA. Krom de ŝi donacitaj esperantaĵoj, ŝi bonvolis aŭkcie vendi

ankaŭ donacaĵojn de s-ro Paulo Desailly el Aŭstralio.

**La dua Tago de IREK1** post regalado komenciĝas kun tre interesa kaj inspira prelego de s-ro Lee Jungkee pri liaj spertoj rilate al la Seula Kultur-Centro, kiun li fondis antaŭ 23 jaroj kaj ĝis nun okazigis 266 kursojn tie komencante novan kurson ĉiumonate.

La dua prelego dum la dua tago estis far inĝ. Ahmadreza Mamduhi, IREA-vicprezidanto kaj la ĉefdelegito de UEA en Irano, kun titolo "Irano kaj Esperanto". En la prelego, i.a., li aludis pri la kialo de ne-kongresado en Irano ĝis nun, historia soifado de Irano por la komuna lingvo, kaj la rezulta ekapero de la unua artefarita lingvo nomata Balaibalan en Irano (Persujo) de la 1500aj jaroj. Li parolis ankaŭ pri tio, kion Irano, laŭ li volas/povas doni al la mondo per Esperanto (ĉefe pacemaj/pacamaj kaj tolerigaj instruoj de la irana mistikismo, laŭ li tre bezonataj por la hodiaŭa materiema/militema mondo), kaj kion Irano volas/bezonas akiri de la mondo pere de Esperanto, t.e. ĉefe alilandaj artaĵoj kaj novaj sciencoj kaj teknologioj.

Samtempe kun lia prelego Esperantlingva, en alia salono de Hotel Ŝahr - la kongresejo en la orienta parto de Tehrano - okazis perslingva prezentado de la akceptitaj artikoloj de la kongreso, t.e.: "Manieroj por popularigi la disvastigadon de Esperanto en Irano" (s-ro Ahmad Akbari el Tehrano), "Esperanto kaj ĝia estonta perspektivo" (s-ino Farŝide Arabŝahi el Esfahano), kaj "(Softvaro de) Bibliografio de Esperanto en Irano" (s-ro Ali-Asgar Koŭsari el Kermanŝaho).

S-ro Omid Rohanian, la Irana KAEM-ano prezentis raporteton kun kelkaj proponoj, reage al kiuj s-ro Lee Jungkee eldiris klarigojn kaj tre kuraĝigajn proponojn. La tria prelego de IREK1 estis far d-ino Shirin Ahmadnia, irana sociologo fama kaj esperantista poeto-verkisto malnova, pri la diversaspekta stato de virinoj en Irano kaj potencialaj helpoj, kiujn Esperanto povas fari por ilia prospero. Ŝi kiel ekzemplon priparolis sian kazon: 16-jaraĝe ŝi lernis Esperanton kaj 23-jaraĝe partoprenis en la Pekina UK en 1986 kaj ekde la samaj jaroj ŝiaj poemoj aperis en prestiĝaj internaciaj Esperanto-gazetoj kiel « Fonto », « Heroldo de Esperanto » kaj « Monato ».

La artaj programeroj de la dua kongresa tago inkluzivis 7 komediajn teatraĵetojn rilate al la irana novjara tradicia sep-*so*-tablotuko (surhavanta sep aĵojn kies nomoj en la persa komenciĝas per litero *so*) kaj tradiciajn/popularajn muzikojn kaj kantojn far Vahe-anoj s-roj Reza Razzaz, Ali Panĝe-Ŝahin kaj Roham Ĥorŝid-Vand. La fina - korsurpriza - prezentaĵo de Vahe-grupo estis la fama kaj populara kanzono de karmemora irana-armena Vigen (1929-2003) nomata Freneza Kor' (Dele Divane) en Esperanto kaj la persa kantigante ankaŭ la tutan ĉeestantaron disdoninte al ĉiuj la tekston en ambaŭ lingvoj.

La kvara preleganto de IREK1 estis d-ro So Gilsu, kiu interesoveke parolis pri la bezonataj ecoj de Internacia Lingvo, t.e., i.a. facileco, perfekteco kaj aplikebleco, kiujn Esperanto havas tre kontentige, kaj kiujn malhavas naciaj lingvoj kiel la angla. Post paŭza regaladeto, la kvinan kaj la lastan prelegon prezentis s-ro Golam-Reza Azar-Huŝang, irana verkisto kaj tradukisto, kiu ankaŭ enkondukis *Yumeiho*-n en Iranon. Titolo de lia prelego en Esperanto estis "Esperanto Kaj Traduko". I.a. li aludis pri 4 kondiĉoj por bona tradukado de ĉiutagaj ordinaraj tekstoj kaj pri 3 pluraj kondiĉoj por beletraj materialoj.

Post tio la rezolucio de IREK1 estis laŭtlegita de d-ro Sayadpour kaj aprobita de la kongresanoj.

Poste, al ĉiuj eksterlandaj partoprenantoj de la kongreso (el kiuj multaj donacis librojn al IREA), IREA-prezidanto, d-ro Keyhan Sayadpour sursceneje donacis ekzemplerojn de "Versoj de Persoj" (originalaj poemoj de irananoj en Esperanto) kaj por ili mem kaj por la biblioteko de iliaj Esperanto-Asocioj. Li ankaŭ disdonis honorigajn kongresajn dankleterojn (al 15 personoj) kaj memortabulojn (al 17 personoj, i.a. d-ro So Gilsu kaj s-ro Lee Jungkee) al tiuj, kiuj kontribuis/helpis al okazigado de la IREK1.

**La tria tago** (la 26a de marto) estis dediĉita al ekskursoj al du vidindaĵoj de Tehrano: Golestan-Palaco kaj Taĝriŝ-Bazaro, en kiuj partoprenis ĉirkaŭ 40 personoj. (Fino)

*La vintra numero de **"Irana Eperantisto"** estas surrete. Iru al: http://www.espero.ir/irana-esperantisto/

# Nepalo

## Sukcese Okazis la Speciala Renkontiĝo 2014

La Speciala Renkontiĝo okazis de la 6-a ĝis la 17-a de marto 2014. Partoprenis la tutan programon entute 35 esperantistoj, kaj simila nombro nur parton. La partoprenantoj inkluzivas 5 personojn el Belgio, 4 el Francio, 2 el Svislando, 2 el Bulgario, 2 el Ĉinio, 1 el Danio kaj 1 el Pollando; ĉiuj aliaj estis nepalanoj. La ĉi-jara celo de la programo estis inviti esperantistojn de ĉiuj aĝgrupoj por ĝui la mondfamajn lokojn de Nepalo kaj florigi la Esperanto-movadon en mezokcidenta parto de Nepalo, la turisma urbo Pokhara.




NEspA formale bonvenigis ilin je la 7-a vespere en Marsangdi-hotelo en Thamelo. La prezidanto de NEspA s-ino Indu Devi Thapaliya, la ĉefo de la renkontiĝo s-ro LP Agnihotry, ano de KAEM d-ro Mukunda Raj Pathik, la konsilanto de NEspA s-ro Philip Pierce, antaŭa Prezidanto de NEspA s-ino Maya Rai kaj la speciala gasto el Belgio s-ino Ilse Jacques solene malfermis la programon.

Reprezantantoj el diversaj grupoj (Francio: s-ro Pierre Bouvier; Ĉinio: s-ro Nan Youli; Danio: s-ro Peter Wraae; Pollando: s-ro Roman Dobrzynski; Bulgario: s-ino Maja Gorova, Ĉeĥio: s-ino Liba Gabalda loĝanta en Francio, Svislando: s-ino Barbara Pochanke, Belgio: s-ro Arie Bouman, usona s-ro Philip Pierce loĝanta en Nepalo, pakistana s-ro Mian Salam Shany loĝanta en Nepalo), KAEM-ano s-ro Mukunda Raj Pathik, Renkontiĝo-ĉefo s-ro LP Agnihotry, Prezidanto de NEspA s-ino Indu Devi Thapaliya kaj antaŭa Prezidanto de NEspA s-ino Maya Rai deziris sukceson al la Renkontiĝo. La ĉefgasto de la programo, s-ino Ilse Jacques (Belgio), gratulis ĉiujn partoprenantojn pro la partoprenado en la Speciala Renkontiĝo en Nepalo. Ĉiuj gastoj admiris nepalajn historiaĵojn, naturon, kulturon kaj Esperanto-movadon.

Dekdutaga ekskurso komenciĝis la 8-an de marto post du tagoj dediĉitaj al vizitado de Katmandua valo. La grupo vojaĝis al nacia parko Ĉitŭan kaj restis tie du noktojn. Ĉeestantoj ĝuis elefantrajdadon, boatadon, kulturan programon kaj aliajn agadojn. S-ro Peter Wraae el Danio kaj s-ro Arie Bouman el Belgio faris prezentadon de BEK-kurso kaj la 98-a UK en Rejkjaviko, Islando.

La 10-an de marto la tuta grupo ekveturis al Lumbini, la nakskiĝloko de Budho, kaj la 11-an de marto ni atingis la montaran urbon Palpa, norde de Lumbini. Palpa estas fama pro siaj lokaj fabrikoj precipe de nepalaj ĉapoj (*topi)* kaj natura beleco. La 12-an de marto s-ro Himalal Parajuli (vicprezidanto de NEspA) bonvenigis la gastojn en la turisma urbo Pokhara. Dum du tagoj ni turismis en famaj lokoj de Pokhara.

La 14-an de marto posttagmeze komenciĝis prelegoj ekde la 2-a horo post la vizitado al la fama loko Sarankot. S-ro Peter Wraae prelegis pri la dana filozofo Martinus, kaj poste s-ro Eduard Kusters prelegis pri Belgio. S-ro Pierre Bouvier el Francio prelegis pri komparo de angla kaj Esperanto. S-ino Barbara Pochanke prelegis pri sia Esperanta vivo, kaj laste oni vidis filmon pri Oomoto faritan de s-ro Roman Dobrzynski. La programo finiĝis per komuna vespermanĝo. La grupo alvenis Katmanduon la 15-an de marto kaj partoprenis geedziĝan ceremonion de la filo de s-ro Parashar Rijl (konsilanto de NEspA). La

16-an de marto ĉiuj gastoj kun nepalaj esperantistoj kune ĝuis la koloran feston de Holi.

La saman tagon okazis adiaŭa vespero en la halo de Marshyangdi-hotelo en Thamel kun vespermanĝo. S-ino Maja Grova el Bulgario prelegis pri sia lando kaj ĝia kulturo. Speciala gasto s-ino Ilse emocie dankis al la organizantoj pro la realigo de la Speciala Renkontiĝo. Danke al ĉiuj, ŝi, kiel handikapulo, povis viziti Nepalon.

Ĉi-jara Renkontiĝo estis sukcesa pro diversaj kialoj. Ni povis propagandi nian lingvon en la mezokcidenta parto de Nepalo, okazis 7 gravaj prelegoj en Katmanduo, Ĉitŭan kaj Pokhara, s-ino Ilse povis partopreni la tutan programon per rulseĝo. La celo de la Renkontiĝo, nome la disvastigo de Esperanto en nia lando, pli kaj pli sukcesos.

**La 11-a Internacia Himalaja Renkontiĝo**

Ĝi okazos de la 26a de februaro ĝis la 8a de marto 2015 en la okcidenta parto de Nepalo Pun Hil.

la 26a de februaro: Alveno kaj enhoteliĝo
la 27a de februaro: Matena vizito al Paŝupati Nath kaj Svajambhu Nath
la 28a de februaro: Veturo al Pokhara kaj tranoktado en Birethati.
la 1a de marto: Piedvojaĝo al Ghandruk.
la 2a de marto: Piedvojaĝo al Tadapani
la 3a de marto: Piedvojaĝo al Ghorepani (2.860 m).
la 4a de marto: Frumatena marŝado al Pun Hill (3.290 m) por sunleviĝo sur Annapurna kaj Dhaŭlagiri. Post la matenmanĝo, piedvojaĝo al Tikhedunga.
la 5a de marto: Piedvojaĝo al Nayapul. Reveturo al Pokhara
la 6a de marto: Ripozo kaj adiaŭa vespero en Pokhara
la 7a de marto: Reveno al Katmanduo per buso
la 8a de marto: Ripoztago kaj Internacia Vespero
la 9a de marto: Forflugo

Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518, Kathmandu, Nepalo.
Telefono: 00977-9841273761.
Retadreso: nespa.1990@gmail.com

# Ĉinio

## Esperanto-kurso en Kunming

Vespere de la 21-a de aprilo 2014, en la Arta Profesia Kolegio de Kunming ekfunkciis la Esperanto-kurso, kiun partoprenis 120 studentoj el diversaj fakultatoj de la Kolegio. En la sekva jaro ili lernos Esperanton.

Inter la 16a kaj 23a de majo de la venonta jaro okazos en Kunming, Yunnan-provinco, la 67-a IFEF-Kongreso kaj la 11-a Ĉina Kongreso de Esperanto. Por prepari la kongresojn kaj kulturi volontulojn la Kolegio malfermis la kurson.

S-ro Wang Minhao, prezidanto de Ŝanhaja Esperanto-Asocio kaj Alessandra Madela, itala esperantistino, kiu laboras en la Media Fakultato de la Kolegio, gvidis la kurson. Spado, vicprezidanto de Hubei-a Esperanto-Asocio, helpis ilin en instruado.

Spado <spadoesp@126.com>

## AMO (Aktivula MaturigO)-Seminario 3 de UEA

### Orienta Esperanto-Seminario




**Ĉeftemo:** Konsciigo, kapabligo kaj praktiko de nia lingvo Esperanto.

**Dato kaj Loko:** la 16an -23an de aŭgusto 2014.
Dongxin-Hotelo, Huojulu-7, Xi'an (Siano), Ĉinio.

**Programo**:

La 16-a de aŭgusto: Registriĝo, Interkona vespero

La 17-a ĝis la 23a de aŭgusto:

Malferma ceremonio, Prelegoj (Orientaj landoj, Konsciigo kaj Kapabligo, Demonstra instruado, Religio, Kurso en lernejoj kaj Reta Kurso, Traduko kaj Literaturo, Retejo, Radio, Eldonaĵo, Lernejo), Ekskurso en Xi'an kaj Monaĥejo Tiefosi. Malferma ceremonio.

**Aliĝ-kotizo:** €30 (Antaŭ la 15-a de julio), €40 (Surloke)
Por junulo kaj handikapulo
€15 (Antaŭ la 15-a de julio), €25 (Surloke)
**Aliĝilo:** ĉe http://www.esperanto.cn/amo/alighilo.doc
**Kontakto:** Xi'an-Esperanto-Asocio, str. Huojulu-4, B510, CN-710043 Xi'an, Ĉinio; Tel: 086-29-83652189,
chielismo@hotmail.com, orientaesperanto@163.com, trezoro@uea.org

## Okazis Pekina Esperanto-Filmfestivalo

La 30-an de marto okazis Pekina Esperanto-Filmfestivalo en kunvenejo de Pekina Esperanto-Asocio. Ĝin prezidis d-ro Rainer Kurz, germana esperantisto. En ĝi unue faris salutparolon Nan Youli, prezidanto de Pekina Esperanto-Asocio, li klarigis ĉi-fojan festivalon kaj konigis al ĉiuj D-ron Rainer Kurz. Sekve Kurz prezidis la programon, dume Zhang Ping, el Ĉina Radio Internacia, faris interpretadon por la ĉeestaj neesperantistoj. En sia parolo, Kurz diris kiel venis al li la opinio pri la filmeta konkurso de Esperanto kaj kiel li helpis la konkurson akirinte la subtenon de Germana E-Asocio.

Unue, li volis celebri la 125-jariĝon de nia lingvo per Esperantaj filmetoj, sed li sentis ke oni ne devas neglekti la partoprenon de tiuj homoj kiuj celis disvastigi Esperanton per sia nacia lingvo, do fine la konkurso de mallongaj filmoj akceptis la enhav-Esperant-koncernajn filmetojn kvankam sen voĉo de la lingvo. Due, la festivalo estas kune aŭspiciita de lia fondaĵo kaj Germana E-Asocio, kio donis al ĝi la forton sin daŭrigi.

La festivalo en Pekino estas unu el la ĉenoj de la tuta programo, Kurz celas rondiri tra Ĉinio por ke pli da ĉinaj esperantistoj havu la ŝancon ĝui, spekti kaj elekti la filmetojn plej ŝatatajn. Antaŭ kelkaj tagoj li jam vizitis la marbordan urbon Tianjin, orienta Ĉinio, kaj tie okazigis saman festivalon.

Post la projekcio de la 4 filmetoj « La Fina Venk' », « Esperanto Geedzigas », « La lingvo, kiu ligas » kaj « Similitudes (similecoj) », la

ĉeestantoj faris voĉdonon. La filmeto « Esperanto Geedzigas » kiel la plej ŝatata mallonga filmo de pekinaj esperantistoj okupis la unuan lokon.

En la kunveno oni prezentis ankaŭ la premidonitajn filmetojn de la berlina (la unua) festivalo kaj surloke donis premion al la ĉina juna esperantisto Ding Xiaosong, kiu gajnis la unuaklasan premion en la kanbera festivalo (la dua) per sia « Esperanto Muzikigas Vian Vivon ».

La festivalo ne nur interesis multajn esperantistojn pri la filmeta farado, sed ankaŭ vekis intereson de neesperantistoj pri nia lingvo. En la nuna surreta socio, la diskoniga maniero inkludas ne nur tiujn tradiciajn rimedojn, sed multaj homoj, precipe gejunuloj, emas uzi fotilojn aŭ poŝtelefonojn fari videaĵojn por sin amuzi. Tio certe estas ankaŭ prenebla por esperantistoj, kaj tio eble multe helpos la dissemon de nia verda stelo.

XIAO HUOLI

## Mezgrada Kurso de Esperanto Okazis en Harbino




La 26an de februaro, 15 studentoj komencis lerni Esperanton en mezgrada kurso en Heilongjiang-a Scienc-Teknika Universitato. La kurso daŭros ĝis junio, 2014. La instruistinoj estas Han Bing, Wang Xiaobo, kaj Song Ping.

S-ino Song Ping, songheshu@126.com;913768576@qq.com

# Inaŭgurita la Internacia Esperanto-Arbaro en Zaozhuang




La 15-an de marto de 2014 okazis la inaŭgura ceremonio por la Internacia Esperanto-Arbaro en la urbo Zaozhuang de la provinco Shandong en orienta Ĉinio.

En la ceremonio senvualigis la ŝildon de la Internacia Esperanto-Arbaro s-ro Hu Xiaolin, vicprezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo, s-ro Wang Ruixiang, prezidanto de la Komisiono pri Azia Esperanto-Movado kaj vicprezidanto kaj ĝenerala sekretario de Ĉina Esperanto-Ligo, s-ro Sasaki Teruhiro el Japanio, honora prezidanto de Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, kaj s-ino Meng Lin, prezidanto de Zaozhuang-a Esperanto-Asocio. La inaŭguran ceremonion prezidis s-ro Semio, delegito de Universala Esperanto-Asocio en Ĉinio kaj vicĝenerala sekretario de Ĉina Esperanto-Ligo. Pli ol 50 esperantistoj el Ĉinio, Koreio kaj Francio ĉeestis la ceremonion.

Sun Mingxiao, Semio@163.com

### La 5-a Internacia Festivalo de Esperanto Okazos

En orienta Ĉinio troviĝas Esperanto-urbo, en kiu estas Esperanto-Muzeo, la plej granda en la mondo, Internacia Esperanto-Arbaro kaj Zamenhof-statuo. Ĝi nomiĝas Zaozhuang. De 2006 Zaozhuang-a Esperanto-Asocio okazigas Internacian Festivalon de Esperanto. Ĉi-jare okazos en la 28-a ĝis la 30-a de majo la kvina Festivalo de Esperanto. Sun Mingxiao, Semio@163.com

## Indonezio

### Dua Vojaĝo al Orienta Timoro: ĉu vi volas helpi?

Antaŭ precize jaro mi alvenis la unuan fojon en mia vivo en Dilio, la ĉefurbo de Orienta Timoro. Dum unu semajno mi provis interesigi homojn pri Esperanto. Tio rezultis en kursetoj kaj por artikolo en kvar gazetoj. Du el miaj tieaj lernantoj mallonge post mia foriro partoprenis la unuan Indonezian Esperanto-kongreson.

La 5an de aŭgusto ĉi-jare, post preskaŭ du-taga vojaĝo, mi alvenos duan fojon en Orienta Timoro, kaj ĉi-foje restos ĉirkaŭ 5 semajnojn. La 17an de septembro mi forflugos el Balio, Indonezio, al Belgio. Ankoraŭ ne fiksiĝis la dato de vojaĝo de Dilio al Balio. Dependos ankaŭ de ricevo aŭ ne de vizo-plilongigo en Dilio. Sed mi certe ankaŭ en Balio ne pasigos la tagojn pasive.

Pro la pli longa restado en Orienta Timoro eblos atingi pli da homoj, verŝajne ankaŭ en aliaj partoj de la lando. La celo estas plifortigi kaj plidisvastigi la nunan intereson pri Esperanto. Por ke mi povu tion fari, ĝis nun individuaj esperantistoj, la Esperanto-klubo de Bruselo kaj Esperanto Internacia jam sponsoras la vojaĝon. Se ankaŭ vi volus tion fari, tio eblas per ĝiro al mia UEA-konto, hego-v. Eblas ankaŭ pere de KAEM (konto 'azio') kun mencio: 'instruado en Orienta Timoro' (ne forgesu la mencion). Krom la vojaĝkostoj, necesos aĉeti instrumaterialojn kaj pagi vizojn, kaj simile. Kompleta listo haveblas por interesiĝantoj. Se vi havas demandojn aŭ volas pliajn informojn, bv. kontakti min. Heidi Goes : heidi.goes@gmail.com

# Koreio

## 2014 Vintra Tutlanda Esperanto-kurso de KEA




La 22an de feb, 'Esperanto-vilaĝo' estis konstruita kadre de la Vintra Esperanto-kurso de KEA (Korea Esperanto-Asocio). Planante ĝin, gvidantaro rimarkis 2 punktojn: 1) Kreskas novaj esperantistoj en kelkaj lokoj kaj multiĝas ilia postulo de ŝanco ekzercadi. 2) Gvidantaro fariĝas tiel solidara, ke nun ni povos fari kunlaboran projekton. Ĉirkaŭ pli ol 20 meznivelaj gvidantoj kune preparis por estigi Esperanto-vilaĝon, kiun individuo neniam povas fari. La vilaĝo konsistis el 5 distriktoj : Publika, Lerneja, Amuza, Belarta kaj Teknika. Enveninte la vilaĝon, oni havigis al si pasporton por la lando de Esperanto.

En la publika distrikto sin trovis informejo, bazaro, libroservo kaj kafejo. Kafejo estis komforta loko por ke ni amikiĝu kun novaj amikoj. En meza halo, prezentitaj estis prelegaĵoj kaj raportoj de junuloj. En la lerneja distrikto oni povis elekti kursojn laŭ sia nivelo. Troviĝis lernejoj por baza kurso, meznivela gramatiko, defio al parkerado, etimologia studo, 8 principoj de stilo k.t.p. En la amuza distrikto oni kune kantis en

kantejo, fariĝis aktoroj de fabela rakonto, kaj lernis okarinon kaj tabul-ludon. Sukcese trapasinte la programerojn, la partoprenantoj ricevis stampon sur la pasporto. Por estigi la vilaĝon kaj bonvenigi vizitantojn 14 gvidantoj sin oferis. Entute 32 personoj loĝis en la vilaĝo dum 2 tagoj.

Paralele kun la vilaĝo, ekaperis virtuala vilaĝo en *kakaotoka* mondo. Ĝi servis kiel realtempa informoŝanĝejo por la vilaĝanoj kaj samtempe por aliaj homoj, kiuj malgraŭ sia deziro veni ne povis korpe partopreni.

Ne malmultaj komencantoj naskiĝas. Por bone gvidi kaj nutri ilin en postbaza periodo, gvidantoj kunlabore starigis Esperanto-vilaĝon, por ke en diversaj situacioj la komencantoj mem provu tion, kion ili lernis de libro. La unua provo de Esperanto-vilaĝo konfirmis, ke kunlaborado povas fari pli bonan kaj doni pli bonkvalitan al niaj postulantaj komencantoj.

**La 46-a Korea Kongreso de Esperanto okazos kiel ĉi-sube:**

Dato: la 25an (sab.)~la 26an (dim.) de oktobro 2014
Loko: Seula Junulara Gastejo (http://www.seoulyh.go.kr)
Temo: 'Esperanto, en ĉiutaga vivo'
Organizanto: Seula filio de Korea Esperanto-Asocio
Demandoj: KEA-oficejo (tel:+82-2-717-6974, ret: kea@esperanto.or.kr)

## La 9a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado

La Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado (IERM), kiun ekde 2006 ĉiujare organizas Esperantista Asocio de Ŭonbulismo (EAŬ) sub la aŭspicioj de la Internacia Fako de la Ĉefsidejo de Ŭonbulismo, koredevena religio.

Kun la tempopaso IERM pli kaj pli altiras atentojn de koreaj kaj eksterlandaj esperantistoj. Ĉi-jare ĝi okazis de la 17a ĝis la 20a de januaro en Iksan Junulara Gastejo Irion kaj universitata dormĉambro de Univ. Wonkwang en la urbo. Entute 58 diversreligiaj esperantistoj

ĉeestis, inkluzive de 19 eksterlandanoj el Brazilo (1), Ĉinio (6), Hungario (2), Japanio (4), Litovio (1), Rusio (2) kaj Tajvano (3).



Prelegis CHEN Ya Wen (Kio estas jogo?), Miaohui (Ĉiutaga meditado, Kontribuo de la majstro Xuanzang), SONG Ping (Tradiciaj pentraĵoj de Ĉinio), Ŝlepĉenko Gennradij (Esperanto-movado en Fora Oriento), MARKUS Gábor (Komuna fundamento de religioj), CHOE Taesok (Doktrino de Ŭonbulismo), MASUI Masanori (Batalarto Waraku), ZHANG Ping (Ĉina ĉarmo en Kunqu-opero), KIM Seonwook (Sankta Paŭlo: por universalisma etiko), HAN Sookhee (*Gimbapo* kaj *Odeno*), CHEN Yi Chou (Akvokristalo kaj piedmasaĝo), Akiko JAMAMOTO (Mia Esperanto-vivo). Inter prelegoj la publikon distris TSENG Shian Fan per diabolo, KANG Li per flutado, SONG Ping per dancado, kaj Avdeev Mikhail per kantado kun gitara akompano. Sub la gvido de OH Soonmo oni lernis kaj gaje kundancis la korean dancon laŭ la kanto Kangkangsuŭole.

Unu el la bonaj rikoltoj de la ĉi-jara aranĝo estis, ke multnombra partopreno de eksterlandaj esperantistoj bone influis kaj konvinkis ekleziajn funkciulojn pri la viveco kaj utileco de Esperanto. La ekleziaj radio, televido kaj gazetoj tre pozitive raportis pri la aranĝo.

La 10a IERM okazos de la 16a ĝis la 19a de januaro 2015 en Iksan. Esperantista Asocio de Ŭonbulismo planas organizi sian fakan kunsidon en la Bonaera UK kaj ankaŭ similan aranĝon de meditado en Eŭropo okaze de la 100a Universala Kongreso de Esperanto en 2015.

<*Esperantista Asocio de Ŭonbulismo*>

## Japanio

# Raporto de la Virina Tago 2014, Hirosima

Estimataj gesinjoroj, karaj geamikoj,

Por la Internacia Virina Tago de UN la kunvenon ni havis en la 2a de marto ĉe la Centro de Komuna Partopreno de Geviroj en la Socio de la urbo Hirosima. Sub la temo "Infanoj de Fukuŝimo tri jarojn post la katastrofo" plej parte virinaj aktivuloj el diversaj organizoj de la gubernio kaj la urbo Hirosima kunvenis plenplene en la halo.

En la malfermo la prezidanto klarigis pri la internacia interŝanĝo de mesaĝoj, kaj s-ino OSIOKA Taeko laŭte legis mesaĝojn el la 234 mesaĝoj el 61 landoj kaj teritorioj antaŭ la urbestro, la preleganto, kaj pli ol 150 ĉeestantoj. Tiuj mesaĝoj estis plejparte ricevitaj nur per Esperanto.

Por la temo de la Tago vicprof. de univ. Fukusima unue en sia prelego opiniis ke la mesaĝoj el tiom multaj landoj mencias pri Hiroŝimo-Nagasako-Fukuŝimo, kaj tiel homoj en la mondo hodiaŭ vidas, kio okazis kaj okazas en Fukuŝimo.

La ekspozicio de la mesaĝoj ĉe la Centro daŭris ĝis la 8a de marto.

Kun dankoj al vi kunlaborantoj,

S-ino YOSIDA Mariko, Prez.de la Plenuma Komitato de la Virina Tago 2014. Hirosima.
Kontakto-adreso: S-ino OSIOKA Taeko, Hirosima Esperanto-Centro
taeko@gold.megaegg.ne.jp
osioka@mua.biglobe.ne.jp

**La mesaĝoj por la Virina Tago 2014, Hirosima:**

Azio (19): Armenio 2/ Barato 1/ Ĉinio 1/ Tajvano 1/ Israelo 1/ Irano 2/ Koreio 3/ Malajzio 1/ Nepalo 3/ Pakistano 1/ Uzbekio 1/ Vjetnamio 2.

Afriko (6): Burundo 1/ Kenjo 1/ Kameruno 1/ Malio 1/ Niĝerio 1/ Reunio 1.

Oceanio (5): Aŭstralio 4/ Novzelando 1.

Nordameriko (4): Kanado 3/ Usono 1.
Latinameriko (20): Argentino 2/ Brazilo 12/ Kolombio 1/ Kostariko 1/ Kubo 1/ Meksiko 1/ Peruo 1/ Salvadoro 1.
Eŭropo (180): Albanio 1/ Aŭstrio 5/ Belgio 19/ Britio 3/ Bulgario 6/ Ĉeĥio 9/ Danio 2/ Estonio 1/ Finnlando 2/ Francio 54/ Germanio 10/ Grekio 1/ Hispanio 1/ Hungario 7/ Irlando 1/ Islando 3/ Italio 9/ Kroatio 5/ Litovio 1/ Luksemburgio 1/ Nederlando 6/ Norvegio 1/ Pollando 5/ Portugalio 2/ Rumanio 2/ Rusio 6/ Serbio 4/ Slovenio 5/ Svedio 4/ Svislando 3/ Ukrainio 1.

## Esperanto-Domo de Jacugatake Malfermiĝis

100 kilometrojn for de Tokio troviĝas Esperanto-Domo de Jacugatake, la kursejo de Japana Esperanto-Instituto. Ĝi situas en montara regiono, do dum vintro ĝi estas fermita, kaj en aprilo ĝi vekiĝas kaj ekfunkcias. La 12an de aprilo komitatanoj kolektiĝis kaj purigis la Domon. Nun ĝi estas preta akcepti kursanojn kaj turistojn.




La 19an kaj la 20an okazis Renkontiĝo organizita de Kantoo-Esperanto-Ligo, kaj en ĝi kolektiĝis 19 homoj kaj diligente lernis Esperanton kaj ĝuis la vivon en montaro.

Tiu tempo estis tro frua por florado de sakuroj, sed en majo ili floras kaj ĉio verdiĝas bele. Komence de majo kolektiĝis kanto-amantoj kaj kantadis.

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Singapuro

## Singapura Movado Reviviĝis

Fakte mi havas ĝojan novaĵon. Lastdimanĉe Singapura Esperanto-Asocio oficiale re-aliĝis! La oficiala nomo estas Singapura Esperanto-Asocio LLP (oficiala numero T14LL0276A) kaj ĝi estas komerca firmao por ke ne estu peze regulata (ĉar senprofita societo kiu disvastigas lingvojn estas pli regulata en nia lando).

La membroj kaj manaĝeroj estas mi, Ray Chew kaj Frank Stephan. Sed certe estas ĝoja afero, se la eksaj membroj de la esperantista asocio en Singapuro volas re-esti membroj. Ni faros la agadojn ŝtupo post ŝtupo. Ankaŭ havas 2 blogojn en Singapuro nuntempe:

https://sites.google.com/site/esperantosingapore/ (Frank)

http://singapuraj-esperantistoj.blogspot.sg/ (Mi)

Wilson (符裕康), Walfin Siauderman <siauderman@hotmail.com>:

# Filipinoj

## Dankon pro Viaj Donacoj al Ni

Hieraŭ, la 28-an de februaro, atingis Filipinan Esperanto-Junularon (FEJ) granda poŝtaĵo (peza je 2,75 kilogramoj) enhavanta 16 varojn: 14 lernolibrojn, 1 kompaktdiskon kaj 1 kasedon. La poŝtaĵo venis de s-ino Hazel Green de Aŭstralia Esperanto-Asocio.

Filipina Esperanto-Junularo volas danki al ŝi pro ŝia bonkoreco, kaj ankaŭ al aliaj personoj en Esperantujo, kiuj senhezite donacis lernomaterialojn tra la monatoj aŭ donacis monon al la UEA-konto de FEJ.

FEJ sincere esprimas koran dankon al s-ro Osmo Buller, Ĝenerala Direktoro de Universala Esperanto-Asocio (UEA), pro tio, ke la unuan ondon da lernomaterialoj sendis UEA al FEJ (kaj daŭras sendadoj periode ĝis nun), kaj al s-ro Renato Corsetti de Italio pro lia atentigo pri la bezono pri lernomaterialoj.

Nun, pli ol 5 novaj kaj junaj, ĝenerale adoleskaj komencantoj de Esperanto disponas libere la materialojn, kiujn pruntedonas FEJ. Ankaŭ estas laŭplane starigata biblioteketo, per kiu la materialoj estos bone ordigitaj kaj katalogigitaj por pli facila disponado.

FEJ esperas pli vastan reton, en kiu Esperantistoj en la lando ankaŭ povus iel aliri kaj ekhavi la materialojn, ebligante pli efikan lingvolernadon. Nun, la Esperanto-komunumo en Filipinoj ja restas malgranda, sed pli efikus la agadoj, se la jam varbitaj aŭ lernantaj personoj sian lingvokonon plibonigus.

Ne nepras sendi novajn varojn: eĉ maljunaj, malnovstilaj aŭ brokantaĵoj iaj ajn bonvenas! Eblas donaci al la UEA-konto de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) phej-d aŭ sendi materialojn tien ĉi:

Albert Stalin Garrido, *Ĝenerala Sekretario*, FEJ
2 Catalina St. Azicate Homes Gen. T. de Leon PH-1442 Valenzuela City MM Filipinoj/Philippines
stalin_piggy@yahoo.com.ph

## Ĉu la Respubliko de 7,107 insuloj jam pretas por la Lingvo de nenombreblaj popoloj?

(Persona rigardo al la stato de la Esperanto-Movado en Filipinoj)

Albert Stalin T. Garrido, 15-jara stalin_piggy@yahoo.com.ph
Ĝenerala Sekretario de 'Filipina Esperanto-Junularo' (FEJ)

Bonvenon al tiu ĉi respubliko de 7,107 insuloj kaj preskaŭ 100 milionoj da civitanoj. La pasinta Esperanto-Movado en la Respubliko estis simila al la ondoj, kiuj kolizias kun la plaĝoj kaj sabloj ĉie troveblaj ĉirkaŭ la insularo: fojfoje altiĝas, sed poste retroiras kaj silentas. Mi volas ŝanĝi tion. Mi volas fari, ke la Movado en la Respubliko estu inda je komparo kun la forta *Narra*-arbo (la nacia arbo de Filipinoj), kiu kreskas kaj restas fortikega kaj malfacile hakebla. Aktuale, tio anstataŭe estus la tutmonda Esperanto-Movado, ĉar ĝi efektive jam fariĝis forta tra la jaroj, okaze de moderniĝo, memstariĝo de multaj landoj, kaj akirado de pli fortaj strategioj interne de ĝi kaj de

ĝiaj kadroj. Sed la situacio ene de la 7,107 insuloj estas malsama. Kial do?

Estis fondita antaŭ ok jaroj Esperanto-Asocio por Filipinoj (EAPF) de profesoroj kaj aliaj eruditoj, precipe de diversaj universitatoj en la ĉefurbo, Manilo, kaj ĝiaj ĉirkaŭaj urboj. Tamen, estas surprize, ke la prezidantino tiam elektita mem ne parolas Esperanton. Ŭaŭ, vere mirinde! Malgraŭ tio, estis ĝojige, ke poste okazis la 1-a Filipina Esperanto-Kongreso, dank' al la helpoj de S-roj Bharat Ghimire de Nepalo kaj Hori Jasuo de Japanio, kiuj klopodis por la vigligo de la Esperanto-movado en Filipinoj. Sed poste, kio okazis en la Esperanto-Movado en Filipinoj? Ĉio nuliĝis. Preskaŭ ĉiuj forlasis. La asocio mem disiĝis kaj nenie la personoj malantaŭ ĝi troveblis. Esperanto, denove, estis nekonata por la milionoj da loĝantoj de tiuj insuloj, kaj ĝia Movado, preskaŭ mortinta, sed, eble, renaskiĝonta.

Preskaŭ 7 jarojn poste, kvazaŭ ĉio ŝanĝiĝis. Jen tiuj gejunuloj, jes, junaj, kiuj ekestis kaj malkovris Esperanton, koincide samtempe! Dank' al la potenca Interreto, kiun oni libere uzas preskaŭ ĉie en la lando, ili povis trovi unu la alian pli facile kaj rapide, kvankam ne povis mem renkontiĝi pro malproksimeco inter ties loĝlokoj, la komunikado inter ili ja ekfloris. Tiam, mi kredas, ke jam renaskiĝis la ankoraŭ malforta, malgranda, sed evoluanta Esperanto-Movado en Filipinoj.

Tamen, inter tiuj gejunuloj ne eblas facile veki la intereson, ke ankaŭ ili partoprenu en la Movado. Jes, ili estas tiuj, kiuj emas studadi kaj volas fine ellerni la lingvon, tamen iliaj okuloj apenaŭ rigardas al la Movado malantaŭ la lingvo. Kial mi diras tion ĉi? Pro persona sperto, mi devas konstati. Unue, kelkaj estas sufiĉe junaj, ke ili ne povas mem agadi, kvankam ili emas, ekz. C. J. T. Quines, mia amiko kaj samasociano, nur estas 13-jara, sed jam regas la lingvon sufiĉe bone, sed mi tute ne povas devigi lin, ke li agu por la Movado, pro lia aĝo. Aliaj tute ne emas koncentriĝi pri la Movado, nur pri la lingvo, kaj iliajn interesojn mi preskaŭ tute ne povas veki. Ekzemple, mi jam babilis kun iu samlandano, kiu diris al mi, ke li ne volas partopreni en la Movado, nur studi la lingvon kaj bone regi ĝin. Due, mi preskaŭ eniris kverelon, kuraĝigante alian samlandanon por aliĝi al nia asocio (notu bone:

‘kuraĝigante’, ne ‘devigante’), en kiu li ankaŭ diris, ke li ankoraŭ ne pretas agi por la Movado, emfazante sian okupiĝon pri siaj akademiaj aferoj. Mi devis agnoski lian decidon kaj tute ne povas kontraŭi lin, sed mi devis agnoski, ke ankaŭ mi okupiĝas pri akademiaj aferoj, sed ankoraŭ havas tempon movadi iom post iom por Esperanto, ke mi povas ĝui pli da aferoj ol ili. La bonaĵojn, kiujn mi akiris, gajnis, mi meritas, ĉar mi ja agadis por ilin akiri. Jes, mi agnoskas, ke mi membriĝis al UEA pere de la Fondaĵo Canuto, kiu helpis al mi malgraŭ transpagaj malfacilaĵoj, sed post ĉiuj premioj kaj meritoj, mi vere kredas, ke ankaŭ ili meritas tiujn! Cetere, fine, mi konsentigis tiun samlandanon aliĝi al la asocio, dirante al li, ke li ne devas fari ion ajn, kaj jam sufiĉas membriĝi al la asocio. Li fariĝis nia 4-a membro.

Kiel bonas bone regi la lingvon, sed ne aktivi en la Movado malantaŭ ĝi? Sen la Movado mem tiu parolanto eble neniel povus malkovri Esperanton. Ĉu ili meritas esti nomataj kiel ‘samideanoj’? Al tiuj, pri kiuj eble tiu ĉi artikolo parolas, pardonu, sed mi ne incitas vin kaj ne devigas vin, ke vi fine aliĝu al nia asocio aŭ movadu kun ni, sed ja tute pli bonas kunlabori kun tiuj, kiuj mem agadas, ke la lingvo estu disvastigita kaj konata de pli kaj pli da personoj tra la tuta mondo, tamen mi respektas vian decidon, kaj lasas vin, sed esperante, ke vi ŝanĝos vian penson. Bonvolu konsideri. Esperanto, ja estas tiu, kiu esperas!

Filipinoj, kvankam estas konata kiel haveno de pliboniĝanta ekonomio kaj de multaj vidindaĵoj kaj vizitindaĵoj, en kiuj miaopinie Esperanto estus efika kaj utila afero, estas la lando, kiu havas multajn tutlandajn problemojn, financajn, politikajn, sociajn, religiajn: jen militeto inter la registara armeo kaj la islamaj ribeluloj en la provinco *Zamboanga*, jen malriĉeco, malsato, jen la problemego pri la registaro, kies oficoj jam estas koruptitaj laŭ evidentoj kaj atestantoj. En la lando, kies civitanoj estas preskaŭ malliberigitaj en tiajn problemojn, oni preskaŭ tute ne havas la volon aŭ tempon pensi pri “eksteraj aferoj”, en kiuj oni povas inkluzivi t.n. planlingvojn, kiel Esperanton. Ankaŭ la movadanoj estas malliberigitaj en tiajn situaciojn, malfacile trovante la vojon eksteren. Aliflanke, ekzistas ankaŭ lingvaj problemoj, ekzemple

la rifuzo de la parolantoj de Visaja paroli la Tagalogan pro historiaj kialoj. Do, ĉu jam povas eniri Esperanto? Ĉu ankoraŭ estas solvo, aŭ almenaŭ espero?

Do eniras la jenaj demandoj: Ĉu Filipinoj jam pretas por la Internacia Lingvo? Ĉu ĝiaj 7,107 insuloj jam pretas renkonti kaj kunvivi kun la Lingvo de nenombreblaj popoloj? Ĉu ankaŭ Filipinoj meritas ĝui la bonojn de la Internacia Lingvo, kiujn jam delonge ĝuas multaj landoj tra la tuta mondo? Ĉu ankoraŭ indas daŭrigi la komencitan laboron rigardinte al la nuntempa situacio? Kiel gvidanto de la nuntempa, nove starigita esperantista junulara asocio en la lando, la t.n. 'Filipina Esperanto-Junularo' (FEJ), fondita antaŭ unu monato, tiu demando ĉiam restas kaj neniam foriras de miaj menso kaj koro.

La asocio mem esperas, ke pli da popolanoj malkovros kaj ekhavos intereson pri Esperanto. Ja necesas pli da agadoj kaj materialoj por ke la Internacia Lingvo estu pli kaj pli sukcese disvastigata tra la tuta lando. Ĉu ĉi ĉio nur estas revo de junulo kiel mi, kies celoj pri Esperanto kaj Filipinoj ne estas tiom klaraj? Ĉu ĉi ĉio nur estas iluzio, kaj neniel realiĝos? Ĉu ĉi ĉio estas celo tro alta por esti atingita? Ĉu ankoraŭ estas tro frue malfermi la okulojn de la malriĉa, kompatinda lando Filipinoj pri tio ĉi, ke ekzistas la t.n. Esperanto, kiu celas solvi la lingvajn barojn kaj defendi homajn rajtojn? Pri ĉi ĉiuj demandoj, mi kredas, ke ne. Ni ja estas junuloj, sed junulojn oni opinias la esperoj de la lando! Laŭ fama poemo de nia nacia heroo D-ro José P. Rizal, kiu mem estis poligloto, la junularo estas la espero de la lando, kaj nun, miaopinie el ili kreiĝos multaj mirindaĵoj kaj novaj esperoj, el kiuj la lando povos konstrui sin pli fortika, kaj pli aktiva. La Internacian Lingvon D-ro L. L. Zamenhof prezentis al la tuta mondo almenaŭ 9 jarojn antaŭ la morto de D-ro Rizal, kiu tiam estis en Eŭropo vojaĝante kaj farante multajn verkojn. Eble Rizal mem ekkonis Esperanton, sed neniu scias.

La Esperanto-movado anstataŭe revas pri tiuj junuloj, kiuj ekestos kaj malkovros la Lingvon kaj ekhavos la emon studadi ĝin, kaj fine eklernos pri la movado, kaj, eksciante pri ĝiaj bonoj, agados kun la jam movadantaj uloj. Universala Esperanto-Asocio (UEA) mem dependas

de tiuj lingvemuloj. Ankaŭ ni. Fakte, ĉiuj, ĉar sen ili, la movado neniam tiel kreskos.

Filipinoj klopodadas iri laŭ la vojo de moderniĝo, kaj mi esperoplene kredas, ke ankaŭ Filipinoj meritas ĝui la bonojn, kiujn donas Esperanto mem -- la bonoj neniam pageblaj per mono aŭ iu materialo: interkompreniĝo, amikeco, lingva egaleco, kaj intelekta pliboniĝo. Aliajn bonojn oni povos akiri per sia propra maniero aŭ agado. Ne estas tro frue, nek malfrue por ankaŭ Filipinoj havi sian propran kreskantan, aktivan Esperanto-movadon, kaj ankoraŭ ne estas tro malfrue ekregajni ĉion sopiratan. La Esperanto-movado en la lando ja estis kiel ondoj, kiuj iras koliziante kun la ŝtonoj kaj sabloj kaj poste retroiras kaj silentas, sed ĉio ŝanĝeblas. Afriko, kies landojn mi opinias eĉ pli malriĉaj ol Filipinoj (kvankam Filipinoj fakte estas triamonda lando, en kiu ĉie troviĝas amasoj da malriĉaj popolanoj), havas tian ĉi komunumon. Kial ne ankaŭ la Respubliko, kies ĉirkaŭaj landoj jam havas E-komunumojn?

Mi nur povas certiĝi pri unu afero: Filipinoj, se ne nun, ja ekscios pri Esperanto. La tutmondiĝo dezirata de ĉiuj esperantistoj ja dependas de tiuj unuopuloj, kiuj mem havas la intereson (tamen ne nur de la unuopuloj ili dependas). El tio, la malgranda fajro vivanta en sia koro pli kaj pli pligrandiĝos. La nuna Ĝenerala Direktoro de UEA S-ro Osmo Buller ankaŭ diris, ke mi estas la filipina Hector Hodler, kiu en sia 18-a jaro sukcese fondis Universalan Esperanto-Asocion, kaj mi dankas al S-ro Buller pro tiu komplimento, kiu efektive donis al mi la honoron kaj plezuron. Ja troveblas kaj videblas la potenco, kiun la junularo povus formi, nur se ili agadus kune! La Internacia Lingvo, miaopinie estas ĉiam preta por ĉiuj, kiel Filipinoj. Ĉu Filipinoj jam pretas por Esperanto? Pri tio, nu, ni scios.

la 28an de oktobro 2013, Valenzŭelo-urbo, Filipinoj

# Esperanto-eventoj ===

**Tutmonde**

7.18~7.25 / La 70a Internacia Junulara Kongreso (Fortalezo, Brazilo)

7.26~8.02 / La 99a Universala Kongreso de Esperanto (Bonaero, Argentino)

**Azie**

5.15~5.17 / La 5-a Seminario de Esperanto-instruado (Changzhou, Ĉinio)
5.16~5.18 / La 6-a Junulara Seminario de Esperanto (Harbino, Ĉinio)
5.18 / La 63a Tookai-Esperanto-Kongreso (Inujama, Japanio)
5.23~5.25 / La 1a Srilanka Esperanto-Kongreso (Ĝa-Elo, Srilanko)
5.31~6.01 / La 62a Kansaja Esperanto-Kongreso (Himeĵi, Japanio)
6.06~6.07 / La 63a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)
6.28 / La 5a Publika Prelegkunveno memore al Japana Tago de Esperanto (Tokio, Japanio)
7. 05~7.06 / La 2-a Somera Renkontiĝo (Tam Dao, Vjetnamio)
7.13~8.15 / Internacia Somera Lernejo de Esperanto (Ŝjiano, Ĉinio)
7.17~7.19 / La 6-a Internacia Esperanto-vojaĝofesto (Baotou, Ĉinio)
8.10~8.20 / Vojaĝo en nekonata Ĉinio (Urumĉio-Ŝjiano, Ĉinio)
8.16~8.23 / Aktivula Trejnado por aziaj esperantistoj aranĝita de UEA (Ŝjiano, Ĉinio)
8.23~8.25 / La NurEsperanta Kunvivado en Jacugatake (Jamanaŝi, Japanio)
10.04~10.05 / La 88-a Kongreso de Esperantistoj en Kjuŝu (Kumamoto, Japanio)
10.07~10.10 / La 4-a ILEI-Seminario de Orienta Azio (Kameoka, Japanio)
10.08~12.08 / "Vojaĝo en nekonata Ĉinio — 2014"
10.11~10.13 / La 101-a Japana Esperanto-Kongreso (Obama, Japanio)
10.27~11.08 / La 2a Internacia Ekskurso de Katmando /IEK (Katmando – Fakding – Namche – Khumjung – Tengboche, Nepalo)
10.25~10.26 / La 46-a Korea Esperanto-Kongreso (Seulo, Koreio)
11.01~11.02 / La 55a Toohoku-Kongreso de Esperanto (Iŭate, Japanio)
11/08~11.09 / La 15a Esperanto-Kongreso de Tyûgoku kaj Sikoku (Tokuŝima, Japanio)
12.26~12.28 / La 33-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj

Vjetnama Junularoj (Ho Chi Minh, Vjetnamio)
12.30~2015.1.02 / Transjara Kurskunveno de Esperanto-Populariga Asocio (Kameoka, Japanio)

# KAEM-anoj


**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la revuo ("Esperanto en Azio")

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee enchjo@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)

**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS

**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)

**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto)

**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj


**Honoraj prezidantoj de KAEM**


Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio) hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la revuo "Esperanto en Azio", Projekto C (Membriĝo al UEA)
Lee Jungkee (Koreio) esperanto@saluton.net
Konsilanto pri interrilato de aziaj landoj

Sasaki Teruhiro (Japanio) steruhiro@hotmail.com.co.jp
Helpanto de la estraranoj de KAEM

**Retlistoj de Azia Esperantujo**

1. Informa kaj diskuta retlisto pri Esperanto, esperantistoj kaj E-movado en Azio: azio@yahoogroups.com
   Kiu ajn rajtas aliĝi al la listo. Por aliĝi al ĝi oni sendu al la retadreso sian mesaĝon: azio-subscribe@yahoogroups.com
2. Diskuta retlisto de aziaj respondeculoj pri movadaj temoj (prezidantoj, estraranoj, eks-prezidantoj, direktoroj kaj aliaj respondeculoj kaj aktivuloj de landaj asocioj kaj lokaj kluboj ktp rajtas aliĝi): azia-agado@yahoogroups.com
   Por aliĝi al ĝi oni sendu al:
   azia-agado-subscribe@yahoogroup.com
3. Diskuta kaj voĉdona retlisto de KAEM (nur KAEM-anoj aliĝas):
   azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

Ne nur membroj, sed kiu ajn povas sendi sian mesaĝon al supre menciitaj unuaj du laborlistoj pri movadaj problemoj, ne aliĝinte al la listoj. Via mesaĝo atingos ĉiujn listanojn samtempe! Viaj aliĝoj kaj komentoj, konsiloj, proponoj kaj kritikoj estas bonvenaj.

4. KAEM-informoj en Vikipedio/Wikipedia. Jen estas ĝia adreso:
   http://eo.wikipedia.org/wiki/Azia_Komisiono_de_UEA

Chimedtseren Enkhee encho@yahoo.com

……………………………………………………………………….


## Esperanto en Azio

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso de KAEM (sendu viajn mesaĝojn al KAEM ĉi-suben):
<azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3